# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 30/11/2017 Tricent- kvindeka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,110,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **252,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,360,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

**N.ro 4** (**La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay**)




"Ekzistas en Esperanto naŭ tempoj en la Verbo: Prezenco, Preterito, Futuro, Imperfekto, Perfekto, kaj Predikto". Ĉu vi samopinias? Ne mi, ĉar unue mi kalkulas nur 6 (kvankam poste P.A.G. kalkulas 12), kaj due mi ne nomas la tri lastajn tempoj, sed statoj: la Imperfekto por la nefinita stato de la ago, la Perfekto por la posta rezulto de antaŭa ago, kaj la Predikto por la stato de atendo ke baldaŭ okazos ago. En eŭropaj lingvoj tiuj statoj reprezentatas de verboj, kaj do estas verboj, sed en Esperanto tiuj tri statoj reprezentatas logike de adjektivoj, kiuj ja ne



estas verboj kvankam la radikoj elvenis el verboj, kaj mankas verbaj finaĵoj. Mi juĝas nur la unuajn tri esti verboj. Eĉ P.A.G. ne juĝas la lastajn tri esti veraj tempoj, sed "rilataj tempoj"; kion tio povas signifi? Por mi ili estas statoj. Por indiki agon kies tempo rilatas al la tempo de alia ago, Esperanto kaj aliaj lingvoj simple uzas adverbojn kaj subjunkciojn: "Ili manĝis antaŭ ol iri (ili iris) al la teatro", aŭ adverbojn mem: "Manĝinte ili iris ... " aŭ "Ili manĝis ironte ....".

*Marcel Leereveld.*



*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE. Roger S*

**La celo estas krei kunligatan Esperanto-familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***

**Fotoj bezonas nomojn. Artikoloj bezonas kapfoton. Aŭstralio estas granda lando.**

**La celo estas krei kunligatan Esperantan familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 2a de Decembro estos la unua sabato. Venu al nia amikema kunveno. *Roger S*



# El ekster mia gardeno



1). Pasintsemajne mi menciis mian malŝaton de parto de la juro aŭstralia, nome ke juĝisto rajtas puni krimulon por la krimo ata de alia krimulo. Hodiaŭ mi mencias, ke mi malŝatas plian juĝkutimon aŭstralian, nome ke oni punas personon ne nur por la krimo farita, sed krome punas lin por lia karaktero kaj por lia persona konduto. Mi trovas ankaŭ tion maljusta. Ĉiun karakteron kaj ĉiun kondutmanieron oni ricevas precipe ĉe sia naskiĝo, kaj tial ni renkontas ankaŭ inter la nekrimuloj agrablajn kaj malagrablajn personojn, kaj inteligentajn kaj malpli inteligentajn personojn. Ĉu mi kiel krimulo pardonpetas aŭ ne, ĉu mi bedaŭras aŭ ne, ne ŝanĝas la fakton kaj la mizeron de la krimo, kaj certe ne por la krimsuferanto, nun morta aŭ kripla. Ĉu ni rajtas oficiale kaj laŭleĝe puni iun pro lia malagrabla aŭ neinteligenta karaktero? Jes, en Aŭstralio juĝisto rajtas, kaj faras, puni krimulon ne nur pro lia krimo sed krome pro lia karaktero kaj lia konduto. Ili simple donas pli longan aŭ pli mallongan punon, krom la puno por la krimo, ankaŭ por ies konduto dum la kortumkazo kaj por ies antaŭaj pardonpeto kaj bedaŭromontro kaj pro ies malbona aŭ bona konduto en la malliberulejo. Malagrabla karaktero kaj malagrabla konduto ne estas krimoj. Cetere mi malŝatas ankaŭ, ke juĝistoj estas ofte pli indulgaj al siaj klasanoj, al la membroj de pli riĉa klaso, al homoj de pli alta socia tavolo.





*M. L.*

2). Bedaŭrinde ĵus mortis mia kalistemono verdflora, Callistemon Pinifolius, *Pine-leaf bottlebrush.* Ĝi suferis pro la ĵustempa sekeco. Sed ankaŭ suferas mia eŭropa betulo, kiu staras ĉe akvoelfluejo kaj do havas sufiĉe por trinki/manĝi. Komencis flori la ruĝaj kaj blanka kalistemonoj, sed ankoraŭ ne la nigra. Dum la lastaj tagoj mi manĝis salaton kun floroj de la robinioj, Robinia Pseŭdoacacia, *black locusts*, altaj arboj kreskantaj en la apudaj terpecoj de najbaroj. Ili malĝuste nomiĝas "akacioj" en Eŭropo, kaj la floroj manĝatas nur en suda Eŭropo.





Ili apartenas al la familio de pizoj kaj faboj kaj fazeoloj. La floroj falas surteren kiam ili estas en la mezo de sia florado.





Pri korpa batalado diras Roger, ke "venkas tiuj kiuj estas plej fortaj kaj ne tiuj kiuj estas pli saĝaj". Mi ŝatas aldoni ke en nekorpa batalo ofte venkas tiuj kiuj estas plej venenaj kaj insultaj kaj aĉaj kaj false mensogaj kaj insidaj, ne tiuj kiuj estas honestaj kaj ne insidaj. Mi havas spertojn pri tio en Aŭstralio.

Por nomi geedziĝon de samseksemuloj Roger proponas "paredz(in)iĝo" kaj "paredz(in)o".





Sed ĉar "paro" povas esti ankaŭ virino plus viro mi trovas eĉ pli klara la solvon de Bob, nome "duedz(in)o(j)" kaj "duedz(in)iĝo". Sed en la ĉiutaga vivo mi uzos al viro "Ĉu ci havas edzinon, aŭ edzon, (aŭ partnerinon aŭ partneron")? kaj al virino "Ĉu ci havas edzon, aŭ edzinon, (aŭ partneron aŭ partnerinon)"?

*M. L.*

3). Pliklarige al mia tezo ke Esperanto montras la gramatikan nedifinan artikolon per manko de la difina artikolo aŭ de alia indika vorto, jen kio okazas en eŭropaj lingvoj. En ili ĉeestas la numeralo "unu", "*one*" en la angla. Se mi diras "Mi aĉetis unu biciklon" tio signifas en ĉiuj tiaj lingvoj nur la nombron: "*Je n'ai acheté qu'une bicyclette*" kaj ne indikiĝas ĉu la aŭskultanto konas ĝin aŭ ne. Krome ekzistas en preskaŭ ĉiuj eŭropaj lingvoj, kaj Esperanto, difina artikolo "la", ĉe kies uzo la aŭskultanto scias kiu ĝi estas. En la latinidaj, franca k.t.p., kaj en la ĝermanaj, angla k.t.p., ekzistas ankaŭ nedifina artikolo, origine "*un*". Ĝi signifas ne nur ke temas pri unu biciklo, sed precipe ke la aŭskultanto ne konas la biciklon, do ke por la aŭskultanto ĝi povas esti iu ajn. Esperanto kaj la slavaj lingvoj, i.a. la rusa, ne havas tian nedifinan artikolon "un", ĉar oni ne bezonas ĝin ĉar simple dirante "biciklo" jam signifas la samon, ke temas pri unu biciklo kiun la aŭskultanto ne konas. Do la manko de la difina artikolo, aŭ de alia indika vorto, donas al la "nuda" vorto "biciklo" la signifon "iu ajn de vi ne konata biciklo", kiu estas la signifo de la nedifina artikolo, kies signifo do ĉeestas en Esperanto kaj la rusa sed ne esprimata per vorto(j), nur per la neĉeesto de indika vorto ("la" k.t.p.).




Marcel Leereveld.






*Petro Danzer* BES Sekretario



# LA DU GRAMATIKAJ ARTIKOLOJ EN ESPERANTO .





La oficiala Esperanto havas nur unu gramatikan artikolon, la difinan artikolon, la vorteton “la”. Sed se ni pli kritike konsideras la uzadon en Esperanto, ni konstatas ke ekzistas en la lingvo kaŝita artikolo nedifina; ĝia signifo estas tie dum oni ne esprimas ĝin per vorto. Konsideru la jenon:

“Mi ŝatas la biciklon” diras ke mi kaj la aŭskultanto scias pri kiu biciklo temas. La frazo ne bezonas diri, al kiu apartenas la biciklo, sed ni scias tion aŭ kie ĝi estas. Tiu “la” estas la difina artikolo.

Se mi forlasas tiun artikolon “la”, la manko de artikolo signifas, ke la biciklo povas esti ies ajn aŭ ie ajn. “Mi ŝatas biciklon” ne signifas ke mi ŝatas certan biciklon, nek ke mi ŝatas la vorton “biciklo”. Ne, la manko de “la” signifas, ke mi ŝatas iun ajn biciklon, unu el ĉiuj, sed ne difinitan. Do la manko de “la” signifas ion, nome “iun ajn”, “ajnan” biciklon.

Tiu “iu ajn” esprimiĝas en preskaŭ ĉiuj latinidaj kaj ĝermanaj lingvoj per speciala vorteto, “*un*”, ekzemple la angla “*a* (= *un*) biciklo” signifas ne nur “unu”, sed iun ajn biciklon. Esperanto esprimas la samon, sed ne per speciala vorteto, sed simple per la manko de “la”. (Oni povus eĉ diri “mal-la biciklo”, sed tio ne klarus en la parolata lingvo, kaj cetere tute ne bezonatas). La samo okazas ĉe “Mi aĉetos rizon” kaj “Mi boligos la rizon” kaj en la pluraloj: “Mi antaŭhieraŭ aĉetis ovojn kaj hodiaŭvespere la ovoj jam estas finuzitaj”. Pluraj etnaj lingvoj faras la samon (i.a. la rusa kaj la malaja). La esprimo “iu”, kaj eĉ pli “iu ajn”, simple substrekas aŭ forte substrekas la ajnecon.

Do se mi diras “Mi posedas biciklon”, tio signifas por la aŭskultanto “iun ajn biciklon”, ĉar mankas la difina artikolo “la” aŭ alia difina vorto, kiel “tiu” aŭ “ĉies”.

Se mi diras “Mi preferas veni dimanĉon”, tio do nepre signifas “iun ajn dimanĉon”. Se la parolanto kaj la aŭskultanto ambaŭ scias pri kiu dimanĉo temas, oni nepre devas diri “la dimanĉon”. La germana lingvo inteligente faras tion. Sed multaj Esperantistoj ne uzas tiukaze la necesan artikolon “la”, pro kio ili do diras neintence “Mi preferas veni iun ajn dimanĉon”. Estas miriga kaj timiga, kiom da eraroj faras la spertaj Esperantistoj, kiuj normale ne faras erarojn en sia etna lingvo.

Same kiel “Diri la veron” ne indikas kiu diras la veron, ĉar mankas la gramatika subjekto kaj ĝi povas esti iu ajn, same tiel “Mi venos dimanĉon” ne diras kiun dimanĉon. Nur se mi diras “Mi venos la dimanĉon” oni scias pri kiu dimanĉo temas, ĉar oni ĝin menciis antaŭe kaj ĉar “la” reprezentas dimanĉon pri kiu la parolanto kaj la aŭskultanto samopinias. Cetere, se “biciklo” ne signifas “iu ajn biciklo”, kion ĝi signifas? Kaj se “dimanĉo” ne signifas “iu ajn dimanĉo”, kion ĝi signifas?

Notu ke ne nur “la” specifigas la substantivon; ankaŭ la adjektiva indika pronomo “tiu” kaj la adjektivaj personaj pronomoj (“mia”, “cia”, k.t.p. kaj “ties”) difinas la dimanĉon kaj do ne bezonas la artikolon “la”: “Mi venos tiun dimanĉon” kie, same kiel ĉe “la dimanĉon”, KAJ la parolanto KAJ la aŭskultanto scias pri kiu dimanĉo temas.

*Marcel Leereveld.*



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 26an de Novembro tri homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis, teumis kaj manĝis kukon.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 27an de Novembro sep homoj kunvenis ĉe tajlanda restoracio por vespermanĝi antaŭ la kutima kunveno. Poste, sep homoj (ne la sama sep!) kunvenis ĉe Ross House. Ni babilis kaj tradukis iom pli da *mil kaj unu noktoj.*

**VENONTAJ KUNVENOJ** (ni ne kunvenos Dimanĉon la 3an de Decembro)

Sabaton 2an de Decembro je 13:00

Ni festos la 100an naskiĝdatrevenon de Marcel, Tecoma Uniting Church

Lundon 4an de Novembro je 18:30

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Sabaton 16an de Decembro je 18:30

Zamenhof-festo, ĉe Melbourne Unitarian Peace Memorial Church, 110 Grey St, East Melbourne

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 980 Instagram – 111

Facebook – 352 Telegram – 18

Twitter – 347

*Joanne Johns*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 4. Mi iras Anglujen (kvina ero)



Mi devis kompreneble unue ĉion klarigi pri mia malfruiĝo. Post tio mi devis razi min, ĉar la angloj tiutempe ne volonte enlasas vikingojn. Mi ne scias kial, sed mi devis ankaŭ bani min en ilia angla bankuvo. Nur post tiom da laborego mi iris malsupren por manĝi. Ekde tiu tago mi ĉiam amegas la anglojn. Mi nur esperas ke, iam antaŭ ol mi mortos, mi sukcesos lerni ilian neprononceblan lingvon.

Buskonduktoris Bryan en Londono. La postan tagon, kiam li revenis de sia laboro, li donis al mi la taskon kalkuli la milojn da moneroj, kiujn li dum sia deĵoro kolektis. Liaj manoj estis tiom nigraj kiom mia vizaĝo la tagon antaŭan. Mi tute ne povis kalkuli la monerojn, ĉar tiam la angloj ankoraŭ amegis sian malnovan sistemon kalkuli ĝis 12, dum por la cetero de la mondo sufiĉis kalkuli nur ĝis 10. Do li devis unue instrui la sistemon al mi. Tamen mi devas agnoski, ke al mi ĝi estis facila. Sed mi estas konvinkita, ke se li ne estus doninta al mi la monerojn, mi neniam estus lerninta tiun arkaikan sistemon. Se nur miaj instruistoj en Kopenhago estus same lertaj kiel Bryan. Ĉu necesas aldoni, ke kalkulante ankaŭ miaj manoj nigriĝis.

Bryan estis bonegulo. Li kunprenis min kun si dum la laboro, kaj kune ni vidis Londonon per la busoj. Li estis la konduktoro, kaj mi estis la pasaĝero. Kelkfoje en Londono eniris lian buson francaj turistoj, kaj ili tre surpriziĝis kiam Bryan alparolis ilin en ilia propra lingvo. Bryan parolis krom Esperanton kaj la anglan, ankaŭ la nederlandan kaj germanan.

En Enfield loĝis ankaŭ Petro. Petro estis esperantisto, kiu ĉiun someron laboris en Jugoslavujo kiel turistgvidisto por angloj. Li parolis kompreneble ankaŭ unu el la lingvoj jugoslavaj. Kiam ni ĉeestis la kunvenojn de la Londona Esperanto-Klubo, en 153 Drummond Street, ĉiam amuzis min aŭskulti la konversaciojn en iu jugoslava lingvo inter profesoro Ivo Lapenna kaj Petro.

Mi bone fartis en Anglujo. Kaj tre plaĉis al mi loĝi en Enfield. Sed iun belan tagon oni decidis, ke estus pli bone por mi, se mi laborus. Mi provis defendi min per tio, ke mi ne rajtas labori, ĉu kontrau mono, ĉu senpage. Oni klarigis, ke tio estas nur formalaĵo, ke oni facile povas tion ŝanĝi. Petro jam aranĝis kun la flegistinestrino de iu malsanulejo en Londono, ke ŝi parolu kun mi.

*Daŭrigota* *Bob Felby*



# Jen rimarkoj post legado de AE 349



Marcel skribis, parolante pri la arboj en sia ĝardeno:

"fortranĉante la dudekmetran trunkon ĝis nur du metrojn el de la tero"

Mi komprenas la diferencon inter "en la urbo" kaj "en la urbon", "antaŭ la elefanto" kaj "antaŭ la elefanton" Mi trovis neatendita la uzon de akuzativo post "ĝis" . Mi ŝatus demandi al Marcel kio en tiu ekzemplo estus la diferenco inter "ĝis nur du metroj" kaj " ĝis nur du metrojn"

Mi ne komprenas ankaŭ la vorton "maltraktadojn" en la frazo " ĝi( geedziĝo) kaŭzas multajn maltraktadojn en familioj". Ĉu "mistraktadoj" eble?

Fine ankaŭ mi hezitis pri kiun vorton uzi en Esperanto por paroli pri du homoj de sama sekso ligitaj per tiu aparta leĝa oficiala kontrakto nomita geedziĝo por homoj de malsama sekso. La prefikso "ge" absolute ne taŭgas en tiu cirkonstanco. Fine de la 19a jarcento homoj verŝajne eĉ ne povis imagi ke tio iam okazos. Mi ŝatas la vorton "kunuloj" sed ĝenas min ke la sama vorto ne povas esti uzata egale por samseksamantoj kaj geamantoj .

*Franciska Toubale*





## 3ZZZ



Se vi ne kredas ke la naturo povas pli rapide ol la homoj rekonstrui arbaron, aŭskultu la elsendon de la 27a de novembro en 3zzz por kompreni la fenomenon. Se vi ŝatas konkursojn, tio estas ankaŭ bona tialo por aŭskulti tiun elsendon.



informas la kunvokanto *Franciska Toubale*



Ĵaŭdon vespere, mia edzino kaj mi voĵagos al Melburno por celebri/festi la 100an naskiĝtagon de Marcel Leereveld. *Roger Springer*

Merde !
Hodiaŭ mi nur havas
99.999 jarojn

*Naskiĝis la 4an de Decembro 1917*



